BULTENO
de la Internacia Federacio de Esperantistaj Fervojistoj

Sekretariejo:
Orteliusstraat 108III Amsterdam

Redaktejo:
von Liebigweg 26 Amsterdam

## JARRAPORTO DE LA SEKRETARIO PRI 1952

Verkonte la jarraporton pri 1952, mi kun ĝojo konstatas la fakton, ke ĝi estas la kvina en la historio de nia organizo. Kvankam estus dezirinde doni al nia membraro kaj legantaro koncizan superrigardon pri la periodo en la antaŭaj jaroj, mi pro teknikaj kaj praktikaj konsideroj nur okupos min pri la faritaj laboroj en la jaro 1952a. Konciza raporto pri la pasinta kvinjara periodo aperos en la sekvonta Bulteno, por ke oni havu klaran superrigardon pri la evoluo de nia organizo IFEF komence de la fondiĝo ĝis nun.
Kiam mi do nun komencas mian jarraporton mi konstatas kun bedaŭro, ke la mondaspekto el politika vidpunkto ne pliboniĝis sed eĉ plimalboniĝis en la jaro 1952a. La politikaj kontrastoj inter la Oriento kaj Okcidento pliakriĝis, pro kio la maltrankvilo en la mondo estas pli granda ol antaŭe. Tiaj cirkonstancoj malfavore influas la laborojn de organizo, kia estas la nia. IFEF estas kultura, internacia kaj neŭtrala rilate al la politikaj kaj religiaj konceptoj de la membroj. Sur tiu bazo estas eble fruktedone kunlabori kun gekolegoj el ĉiuj landoj por la realigo de nia idealo, kiu ne nur povas esti utila sed beno por la tuta homaro. Reganta maltrankvilo en la mondo sekve rekte trafas internacian organizon, almenaŭ malfaciligas la propagandon iel. Pro tio ni ne povas esti tro optimismaj pri la estonto en la tutmonda streĉita situacio, malgraŭ nia organizo daŭrigis paŝon post paŝo sian vojon antaŭen. Estas tro multaj danĝeroj, kiuj minacas la pacon kaj ankaŭ nian laboron por tio. Kiel putranta ulcero la maltrankvileco subfosas la socian sanon infektante ĉion, kio povas kontribui al bonfarto kaj reciproka estimo inter la popoloj. Kvankam oni ofte ne povas prezenti al si la kaŭzojn pri la indeferenteco de la homoj pri kulturaj aferoj kaj sinklerigado, la spertoj instruis al ni, ke tiu indiferenteco pligrandiĝas en maltrankvila mondo.
Nerefuteble estas simptomoj, kiuj atentigas nin pri malfacila jaro 1953a. Ni tamen ne iru eĉ paŝeton malantaŭen sed duobligu nian forton, nian aktivecon, por ke ni kune povu repuŝi la renkontotajn malfacilaĵojn. Etaj lumradioj traboras la mallumon kaj ni iru en tiun direkton kiom ajn etaj ili estas.
Tiu ĉi enkonduko de mia jarraporto ne havu la efikon kiel frapo de peza martelo sur la kapo de la gemembroj, ĝi estu averto por tiuj, kiuj pro ia kialo ne ankoraŭ disponigis al nia movado sian kapablon, fortojn kaj kunlaboron. Celkonsciaj esperantistoj ne timas pesimismon sed klopodos anstataŭigi gin per rezultatoj, kontraŭaj al la pesimismaj sonoj.

**La membronombro:**
Kontraste al la pesimismaj sonoj la stato de la nuna membronombro al vi donas tute alian bildon. Du novaj landaj sekcioj aliĝis al IFEF en la pasinta jaro. En Svedio, kie antaŭ la milito ekzistis forta fervojista esperantista movado, oni denove fondis landan Asocion. En Belgio okazis miraklo, neniam ni rikoltis sukceson tie ĝis niaj Finnaj kolegoj vizitis Bruselon post la IFEF-kongreso en Parizo kaj hazarde renkontis nian kolegon De Bruyne, kiu senprokraste aliĝis al IFEF kiel izola membro. En kunlaboro kun aliaj aktivaj fervojistaj esperantistoj li fondis landan Asocion en la kadro de la kultura fervojista organizo kaj sukcesis havigi al la Asocio subvencion flanke de la fervoja Direkcio. Oni kompilis skriban kurson, kiu jam elĉerpiĝis.
Dudek naŭ kolegoj aliĝis al la ĵus naskita Asocio. Jen imitinda ekzemplo de intensiva kunlaboro. La du novaj landaj sekcioj estu bonvenaj. Pro tio la nombro da landaj sekcioj nun estas 13 kaj ĉisube estas la membronombro en la diversaj landoj: ( ) la nombro fine de 1951:
Nederlando 224 ( 220 ), Francio 266 ( 272 ), Danio 92 ( 76 ), Aŭstrio 98 ( 81 ), Svisio 31 ( 30 ), Norvegio 36 ( 36 ), Svedio 27 ( 8 ) Germanio 212 ( 212 ), Aŭstralio 12 ( 7 ), Italio 53 ( 13 ), Finlando - 36 ( 28 ), Britio 32 ( 26 ), Belgio 29 ( 1 ).

**Izolaj membroj:**
Japanio 1 ( 1 ), Rumanio 1 ( 0 ), Hispanio 2 ( 0 ), Ĉeĥoslovakio 16 ( 11 ), Alĝerio 1 ( 1 ).

La membronombro la 1an de Januaro 1952 estis entute 1022 kaj la 1an de Januaro 1953 ĝi estis 1168.

Jen la ciferoj pri la kontentiga progreso. Tre gravaj estas por ni la informoj de niaj membroj pri fervojistaj esperantistoj en landoj,kiuj ne ankoraŭ aliĝis al IFEF. Sendube multaj IFEF-anoj korespondadas kun samideanoj neloĝantaj en la ĉisupre nomitaj landoj. Ili do klopodu peti informojn pri fervojistaj esperantistoj por ke ni povu sendi nian Bultenon.

**La administrado:**
En 1952 ni ricevis 272 leterojn, poŝtkartojn kaj presaĵojn, Forsenditaj estas 181 leteroj kaj poŝtkartoj, krom tio ekskluzive la Bultenoj 44 presaĵoj. Pro la plimultiĝo de la laboraj la estraro principe decidis aĉeti duan skribmaŝinon, pagebla per ĉiujaraj amortizoj. Por kontorbezonajoj de la sekretario ne estas mono elspezita sed estos necese iom post iom instali la sekretariejon konforme al la laboroj. Tion ni tamen faros laŭ la plej necesaj bezonoj kaj tiamaniere, ke la financa stato restu sana.

**La Bulteno:**
Nia organo aperis en la pasinta jaro ankaŭ alternmonate, ĝenerale ĝi estas kvarpaĝa sed en Marto ĝi estis ses- kaj en Septembro okpaĝa. Tio estis malgranda paŝeto antaŭen kompare kun la jaro 1951a.
La eldonkvanto, kiu en 1951 estis 4000 ekzempleroj, grave pligrandiĝis kaj estis en 1952 ± 7200 ekzempleroj. Ĝojigas la IFEF-estraron, ke nia organo kun granda intereso estas legata kaj alvenis multaj simpatiaj kuraĝigoj. Planoj por pliperfektigi la enhavon kaj igi nian organon pli alloga ne mankas en niaj pensoj kaj la aldono de ses ekstraj paĝoj en 1952 estu pruvo de niaj klopodoj en tiun direkton.

**La estraro:**
En la estraro ne okazis ŝanĝoj de la funkcioj kaj ĝi kunvenis ĉiumonate escepte en Septembro kaj Novembro pro deĵorcirkonstancoj. La kunvenoj okazas hejme de la estraranoj. Al la kvara IFEF-kongreso en Lindaŭ partoprenis la kompleta IFEF-estraro, krome Prez, sekretario kaj redaktoro ankaŭ la starigon de Befa en Bruselo kaj la kongreson de la Italaj esperantistoj en Bologna. Se eble la IFEF-estraro klopodis, reprezenti nian organizon dum kongresoj kaj jarkunvenoj. Se tio ne estis ebla IFEF sendis salutleteron.
Tiel la IFEF-estraro esperas plifortigi la amikajn interrilatojn kun

la landaj sekcioj kaj la diversaj organizoj. Salutleteron ni sendis al la UEA-kongreso en Oslo, al la SAT-kongreso en Dusseldorf, al la japana Esperanto-kongreso en Kioto, al la Aŭstralia Esperanto-kongreso kaj al la jarkunvenoj de landaj sekcioj, kiuj anoncis sufiĉe frue la daton.

**La interrilatoj kun la landaj sekcioj:**

La rilatoj kun la landaj sekcioj ankaŭ en 1952 estis bonaj. Ni tutkore dankas la estrarojn pro la amika kaj agrabla kunlaboro. Nia sistemo por la membro-administrado estas iom post iom akceptata kaj donas al ni gravajn plifaciligojn. La partopreno de eksterlandaj gekolegoj al la jarkunvenoj en la diversaj landoj ebligas la personan kontakton kaj kreas sferon de komuna kunlaboro. Por faciligi la kontakton inter la landaj estraroj ni enpresigis la pompletan adresaron de la funkciuloj en la diversaj landoj en nia IFEF-BULTENO. En la Novembra numero aperis la adresaro de lokaj reprezentantoj. Gekolegoj, kiuj estas pretaj plenumi tiun taskon turnu sin al la koncerna landa estraro, izolaj membroj anoncu sin rekte al la ĝenerala sekretario de IFEF.
Aparte mi volas danki la landajn sekciojn, kiuj eldonas propran organon pro la akurata alsendo de tiuj organoj. En Germanio oni neatendite surprizis nin per belaspekta kaj presita Bulteno, kies dua numero jam aperis. En Italio, Francio, Germanio, Danio, Nederlando, kaj Belgio, oni nun eldonas propran organon.

**Nia kvara IFEF-kongreso:**

En Majo okazis en Lindaŭ ( Germanio) nia kvara kongreso kaj ĉiu el ni, kiu partoprenis ĉi tiun ĉiujaran manefestacion de la fervojistaj Esperantistoj, rememoros la ĝojplenajn tagojn kaj ankoraŭ havos bonegan impreson pri la organizado de tiu kongreso. Neimageble estas, ke nia juna organizo kapablas kaj sukcesis aranĝi jam kvar de tiaj kongresoj. La ĉeesto de oficialaj reprezentantoj de kelkaj fervojaj Direkcioj pruvas la iom post ioman graviĝon de nia organizo. Partoprenis nian kvaran kongreson ± 500 gekolegoj. Mi estas certa direkti nome de ĉiuj al la LKK-o de nia kvara nian sinceran dankon pro la giganta laboro farita por la bono de nia organizo IFEF.

**Ni funebru:**

Kvankam ni povas esti ĝojaj pri la progresoj sur ĉia tereno en nia organizo, la batoj de la sorto ankaŭ trafis nin forte. En Francio mortis jam antaŭ nia kvara kongreso nia amiko kaj estrarano de FFEA Joubeaux. Mortinte en sia plena forto de la vivo tiu ĉi gaja amiko postlasis edzinon kaj tri junajn infanojn. En Anglio mortis post la kvara kongreso kie li reprezentis la anglan sekcion, nia fidela amiko Leo Dukes, prezidanto de BEAF. Leo Dukes estis malnova esperantisto kaj jam membro de la unua internacia Asocio de fervojistaj esperantistoj. Li mortis post mallonga malsano. En Aŭstrio mortis nia kolego Comina Hans.
Ilia foriro signifas por nia organizo gravan perdon kaj postlasis vakantajn lokojn en niaj vicoj. Niaj pensoj iras al la familioj, ke nia promeso daŭrigi la laboron por kio ili donis siajn fortojn estu por la familioj konsolo. Iliaj ekzemplo, fideleco kaj amikeco restos en nia memoro. Ke niaj amikoj ripozu pace !

Mi esperas esti atinginta ioman sukceson per mia raporto en konciza formo, por ke la membraro havu almenaŭ bonan superrigardon pri niaj progresoj en la pasinta jaro. Mi tamen konsilas al ĉiuj bone konservi la Bultenojn kaj kompari la ciferojn kun tiuj aperontaj en la sekvonta numero, en kiu aperos raporto pri la unua kvinjara periodo. Tiuj, kiuj aliĝis al IFEF kaj restis fidelaj al ĝi, povas fieri pri la rezultato ĉar la ĝisnuna progresado ne estas la laboro de unuopulo sed de granda aro de laboremaj kaj sindonemaj geamikoj en diversaj landoj. Tiu, kiu parolas plej laŭte aŭ el vidpunkto de sia funkcio estas plej konata ne meritas specialajn laŭdojn ĉar dekoj da geamikoj laboras dumtage, kaj dumnokte silente kaj nevidate.
Finante mian jarraporton, kiu estas la kvina enhavanta favoran bildon, mi sentas la bezonon danki ĉiujn konatajn kaj nekonatajn gekolegojn, kiuj ebligis tion al mi. Malfacila jaro sendube estas antaŭ ni sed la-

borante en la sama bona harmonio ni certe sukcesos daŭrigi nian vojon al sukcesoj kaj nia celo. Venu multnombre al Utrechto por festi la jubileon de IFEF kaj pritrakti la laboron farendan.
La lastan parton de mia jarraporto mi skribis en sfero de doloro pro la naturkatastrofo, kiu trafis nian landon kaj la nederlandan popolon. Proksimume 1400 samlandanoj dronis ĝis nun en la ondoj dum dekmiloj batalas kontraŭ la bolantaj ondoj de la maro. Kun emocio profunda ni aŭskultas la radioelsendojn pri la promesata helpo el ĉiuj landoj. Obstine la dekmiloj da diverslandanoj batalas kontraŭ la akvo. Ke ankaŭ nia membraro kun la sama obstineco kaj en forta unueco daŭrigu nian batalon por atingi la celon. Obtine do antaŭen !

La sekr. de I.F.E.F.

## 5a I.F.E.F.-KONGRESO
(5 - 10/5 1953)
en Utrecht - Nederlando

**4a KOMUNIKO**
La aranĝoj por la 5a IFEF-kongreso bone progresas. Ĉu la vizitontoj volas peti la vojaĝbiletojn laŭ jena vojo:
Nederlanda limstacio - Utrecht - Amsterdam (Centra Stacidomo) - Boato Alphen aan de Ryn - Utrecht - Nederlanda limstacio.
Ni informis nian Administracion, ke vi tiamaniere petos.
Vi prefere petu la biletojn pere de via landa vojaĝgvidanto, kaj tiu sendu la petojn kumune al la landa Fervoja Administracio.
Jam pasintan jaron ni ricevis leteron de la koncerna instanco, ke tiuj kongresanoj, kiuj bezonas vizon, ĝin ricevos senkosta, sed bedaŭrinde ni nun ricevis komunikon, ke tio estas eraro.
Nur homoj nehavantaj enspezojn povos akiri senkostan vizon.
Ni klopodis ankoraŭ ŝanĝigi la decidon, sed ne sukcesis en tio.
Al tiuj anoj, kiuj ne povos viziti la kongreson, sed tamen deziras ĝin subteni, LKK donas la eblon esti simpatiantaj kongresanoj por unu nederlanda guldeno. Tuj post la kongreso ili ricevos la kongreslibron kaj -insignon. Ili ankaŭ plenigu la aliĝilon kaj sendu la monon rekte al la LKK-kasisto aŭ al sia landa vojaĝgvidanto.
Kongresanoj, alvenantaj jam la 4an de majo anoncu sin en la provizora akceptejo sur la unua kajo de la Utrechta stacidomo.
*Vi nepre menciu tion sur la aliĝilo!*

**Nia kongreso estos sukceso, kiam ankau vi ĉeestos.**

K.Brouwer.
sekretario de la L.K.K.

## DE RAMP (LA KATASTROFO)

Pri la katastrofo, kiu trafis la Sud-orientajn provincojn de Nederlando, aperos ilustrita libro, 96 paĝa; formato 19 x 25½ cm. La prezo estos 3.50 N.gld.
La libro enhavos antaŭparolon de la Reĝino, geografian karton 6-koloran pri la superverŝitaj landpartoj, kaj pli ol cent fotojn pri la trafita regiono.
Senprofita kunlaborado kaj senpaga [illegible] la bezonata materialo ebligos apliki la tutan ensp[illegible] su[illegible] helpon al viktimoj. Al tiuj, kiuj sendas 4 guldenoj[illegible] M.G.J.de Jong, Von Liebigweg 26, Amsterdam, ni klopodos havigi ekzempleron de ĉi tiu historia dokumento. Dekmiloj jam antaŭmendis ĝin.
Poste ni trovos la vojon havigi al mendintoj la Esperantan tradukon.

JAM TRO MALFRUE

## JARRAPORTO DE LA KASISTO

Denove la Ĝenerala Kasisisto havas la honoron prezenti al vi la raporton pri la financa stato de IFEF dum la jaro 1952.
Tiu ĉi kvara raporto klare montras, ke ju pli granda fariĝas la organizo, des pli grandaj fariĝas la en- kaj elspezoj.
Ankaŭ la profita saldo plialtiĝis, el kio montriĝas la saneco de nia organizo.
Malgraŭ tio, ke la membronombro pligrandiĝis, la ricevita kotizo estas malpli ol dum la antaŭa jaro. La kaŭzo de tio estas, ke kelkaj landaj kasistoj ankoraŭ ne pagis la ŝulditan kotizon por la jaro 1952, kvankam mi petis pagon, sed bedaŭrinde sen sukceso.
Ankoraŭ la Generala Kasisto havas la samajn plendojn, kiajn en antaŭaj jaroj pri la landaj kasistoj, nome, ke ili ne sendis raporton pri la landaj rondoj.
Al kelkaj izolaj membroj mi petis sendi la kotizon al mi, anstatau al la Ĝenerala Sekretario.
En la Lindaŭa kongreso montriĝis la deziro al pli granda gazeto kaj eĉ adresaro aŭ jarlibro, sed se la landaj kasistoj ne sendas la ŝulditan kotizon, eĉ ne respondas je la demandoj pri tio, kiamaniere mi pagu la kostojn por la dezirataj progresoj ?
La *Bulteno* kostis 200 guldenojn pli ol en la antaŭa jaro. Tiam ni eldonis 24 paĝojn, entute 5300 ekzemplerojn. En la jaro 1952 estis eldonataj 34 paĝoj, entute 7200 ekzempleroj.
Volonte la estraro pligrandigus nian *Bultenon*, sed la kasisto ne povas permesi malplenigon de la kaso, ĉar per tio perdiĝus grava bazo por ĉiuj estontaj plibonigoj.
Pro tio la kasisto esperas ke la donacoj por *Bulteno* denove alfluos. Pli bonaj estas la libervolaj subtenoj, ol devigata plialtigo de la kotizo.
Ni urĝe bezonas skribmaŝinon, sed ni ne ankoraŭ kuraĝas ĝin aĉeti.
Tial ni luis maŝinon de amika grupo.
La kasisto esperas, ke vi ĉiuj estas kontentaj pri la financa administrado, kies detaloj sekvas ĉisube

| ENSPEZOJ | | ELSPEZOJ | |
|---|---|---|---|
| Profito 1951 . . . . | 640.19 | Preskostoj Bulteno . . | 498.60 |
| Kotizoj . . . . . . . | 708.09 | Poŝtmarkoj . . . . . . | 47.56 |
| Donacoj Bulteno . . | 150.51 | Kontorbezonaĵoj . . . | 22.65 |
| Venditaj glumarkoj . | 16.00 | Luo skribmaŝino . . . | 50.00 |
| Venditaj insignoj . | 321.00 | Administraciaj kostoj | 48.96 |
| Kvitanco sekretario | 1.32 | Insignoj . . . . . . . | 277.70 |
| | | Diversaĵoj . . . . . . | 27.30 |
| | | Profito . . . . . . . . | 894.34 |
| E n t u t e : | N.gld 1.867.11 | E n t u t e : | N.gld 1.867.11 |

La Kasisto W.Biesheuvel.

Subskribintoj kontrolis la kason kaj librojn de la Ĝenerala Kasisto kaj deklaras, ke ĉio estas en perfekte bona ordo.
Ili dankas s-ron Biesheuvel pro lia ampleksa laboro farita en la pasinta jaro.

La Kaskontrol-komitatanoj
W.F.Hoogendyk; G.Schaafsma; J.A.Vermaak.

## DEZIRAS KORESPONDI.

20 lernantoj, 15-18 jaraj, de la fervoja riparejo en Lingen, deziras korespondi kun nederlandanoj. Skribu al: Gustav Fiebig, Gewerbe Lehrer, Lingen-Ems, Postfach 23, Germanio.

Deziras korespondi kaj interŝanĝi fakgazetojn nacilingvajn la IFEF-anoj en Deĉin. Skribu al: Ružička Václav, Deĉin VI, Krásnostudenecká 731/69 Ĉeĥoslovakio.

## JARRAPORTO DE LA REDAKTORO

Estas nerifutebla fakto, ke BULTENO ludas gravan rolon en nia societa vivo. Ĝi konservas la tiom urĝe necesan kontakton inter nia organizo kaj ĝiaj anoj, dise loĝantaj en ĉiuj anguloj de la mondo. Per nia modesta kaj malgranda gazeto eĉ la plej fore loĝantaj izolaj anoj estas daŭre informitaj pri nia aktiveco kaj la stato de nia movado.

Por bone plenumi sian taskon, BULTENO do unualoke aperigu ĉiujn informojn pri nia organizo kaj ĝiaj agadoj, por ke ankaŭ tiuj membroj, kiuj ne havas okazon viziti niajn ĉiujarajn kongresojn, sentu sin spirite ligitaj kun ni. Ni ja celas krei tutmondan fervojistan familion. Ni kredas ke BULTENO koncerne tion, ankaŭ en la pasinta jaro ne havis multajn mankojn tre gravajn, ĉar ni regule aperigis en ĝi menciindajn faktojn pri nia organizo.

Tamen la agnosko de tiu merito ne povas esti pravigo por la fakto, ke tro malofte aperis artikoloj speciale dezirataj.
Unu bono ne nepre esceptas alian.

Jam en la Lindaŭa kongreso klare montriĝis la deziro al artikoloj fakaj kaj teknikaj, kaj oni eble demandas al si, kial ĝuste tiajn artikolojn oni vane serĉis en BULTENO.
Nu, tiu demando estas facile respondebla. Unue: nia gazeto havas, pro financaj motivoj, nur tre malgrandan amplekson. La sugesto, ke en Danio oni ĝin presos pli malmultekosta, montriĝis neĝusta. Due: ekzistas la problemo, de kie preni tiajn artikolojn.
Niaj instigoj al kunlaboro havis malmultan sukceson. Ho jes, en la naciaj fakorganoj aperas sufiĉe da artikoloj tradukindaj, kaj ni povus liveri ĉiumonate legindan artikolon tradukitan el Nederlanda lingvo.
Tion pruvos la sekvonta BULTENO.
Sed eĉ kiam la spaco en BULTENO sufiĉus, tiu solvo ne povus kontentigi nin. La gazeto ja perdus sian internaciecon se en kelkaj sinsekvaj numeroj oni legus artikolojn de nederlanda deveno. Tion ni repre evitu.

Ĉu do ne ekzistas solvo, oni demandas. Ho jes, la problemoj certe solviĝos. Pligrandiĝo de la membronombro plifortigos nian financan bazon, kaj fine donos al ni la eblon eldoni ampleksan gazeton.

Propagando por nia idealo do estas nepre necesa, pli necesa ol la konigo de neplenumeblaj deziroj..
Klopodu konvinki tiujn amikojn ekster nia movado, kiuj tiom volonte legas BULTENO, ke ĝi estos pli ampleksa kaj pli interesa, se ankaŭ ili plifortigas niajn vicojn.

Tiam ankaŭ efektiviĝos nia deziro aperigi en BULTENO kancizajn raportojn pri la aktiveco en diversaj landoj. Abundan kopion ni ofte trovas en la bultenoj de niaj Belga, Dana, Franca kaj Germana rondoj.
Ni ne dubas pri tio, ke iam BULTENO estos sufiĉe ampleksa por povi transpreni el ili menciindajn faktojn instigajn por ĉiuj.
Sed pripensu, ke *ne en unu tago apris Kartago*.

Cetere ni kredas, ke en ĝia nuna formo BULTENO aspektas ankaŭ sufiĉe bela kaj alloga. Ĝi aperis regule kaj iufoje ĝi ampleksis 6 aŭ 8 paĝojn. La por tio bezonatajn pli altajn elspezojn ni ĉerpis el la malavaraj donacoj kaj la mono kolektita en Lindaŭ.

Ni plenumis la deziron publikigi en ĝi la kongresdecidojn validajn ekde la Aarhusa kongreso, kaj ni aperigis ampleksajn listojn, enhavantajn la adresojn de la landaj estraroj kaj de la lokaj reprezentantoj. S-ro Rebiĉek sendis al ni belan novan kapon (por la gazeto), kiu konvenatempe anstataŭos la nunan.

La maja numero aperos sufiĉe frue antaŭ la kongreso. Ĝi estos pli ampleksa, pli bela kaj pli interesa ol kutime, por ke ĝi estu bona propagandilo por IFEF. Ni sendos al ĉiuj landoj iun kroman kvanton, kaj ni kalkulas pri tio, ke oni nepre uzu tiun numeron por efike propagandi nian idealon.
Ĉies kunlaboro estas nepre kaj urĝe dezirata.

La Redaktoro K.G.J.de Jong

# PROPONOJ POR LA 5a KONGRESO

1. **Svislando:**
   La kongreso denove ekzamenu, ĉu IFEF interrilatu kun U.E.A. ( eventuale ankaŭ kun SAT ) por fari kontrakton kiel kunlaboranta organizaĵo.
   *Komento:* Sur la universala bazo la efiko antaŭ la ne-Esperanta mondo estos certe pli granda, se en la Esperanto-movado ne ekzistas tro da efektiva aŭ nur ŝajna dispartiĝo.
   La kotizo, kiun IFEF pagus al U.E.A. estus rilative tre malalta.
2. **Nobuki Noasuke, Japanio:**
   IFEF klopodu eldoni kiel eble plej baldaŭ pli bonan kaj ampleksan organon.
   *Komento:* Ni, Japanoj ne povas viziti la kongresojn, aŭ gastigi eksterlandajn kolegojn pro longa distanco. Nia nura ligilo al IFEF estas *Bulteno*, sed ĝi estas tro modesta.
   Per pli ampleksa organo ni povus ekkoni ankaŭ la staton de niaj kolegoj,en diversaj landoj. Ni nr plendos pro altigo de la kotizo, se ĝi ebligas eldoni pli grandan organon.
   RIM. ESTRARO:
   Pliampleksigo de Bulteno nur eblas post plialtigo de la kotizo.
3. **Finlando:**
   IFEF eldonu specialan insignon laŭ la projekto sendita de Finlando, anstataŭ la insignon, kiu ne havas ĉies aprobon.

## NIA NOVA REGULARO

Kiam ni starigis IFEF, ni kompilis por ĝi regularon tre modestan. Ĝi tamen sufiĉis por malgranda organizo, kia estis IFEF en tiu tempo. Post kelkaj jaroj la organizo pligrandiĝis. La infano fariĝis adoltulo, kiu elkreskis siajn vindojn. Ni do por ĝi bezonas novajn vestojn, novan regularon, konforman al ĝia amplekso.
Unue ni intencis fari du regularojn, nome: Statutojn kaj Internan regularon, kaj se necese Ordo-regularon, kiajn havas naciaj organizoj. Tamen, studante la ampleksajn jurajn kaj leĝajn formulojn, ni rimarkis, ke naciaj organizoj bezonas tiom da regularoj por ricevi la Ŝtatan aprobon. Tio ne koncernas Internacion, kia IFEF.
Tial ni kompilis nur unu regularon, kiun ni priparolu, kaj se necese, pridiskutu en la Utrechta kongreso.

**Amendoj**
Par.2
**Svislando:**
Sajnas al ni, ke la disvastigo de Esperanto devas esti la plej grava celo, ankaŭ de IFEF. La teksto estu do: *La celo de la Federacio estas:
a) ĉiurimede propagandi Esperanton..ktp, kiel sub b).
b) interkonatigi kaj interfratigi...ktp, kiel sub a).
**Danlando:**
Par. 2 (b) tekstu jene: *propagandi Espon (aŭ la idealon de Esp-o en la koncernajn instancojn fervojajn*.
Komento:
Ne bone estas : *sian idealon*, ĉar post la konjunkcio *kaj* oni povas supozi, ke temas pri alia idealo ol tiu de Esp-o.
Par.3
**Nederlando:**
Cu la eldono de Terminaro ne estas landa afero ?

RIM. ESTRARO:
Se ni eldonas terminaron plurlingvan, ekz. kiel *Naŭlingva Etmologia Leksikono* de Louis Bastien, ĝi estas Fed. afero.
**Svislando:**
Laŭ la graveco de la unuopaj rimedoj, la ordigo de la diversaj punktoj devus esti:
a) eldono de.... ktp.
b) internaciaj renkontiĝoj (kiel sub d)
c) starigo de vojaĝoficejoj (kiel sub b)
d) ĉiuj aliaj rimedoj (kiel sub e).
Komento:
Car individua korespondado estas absolute privata afero, oni ne ŝarĝu la tekston de la statutoj per tiaj rimarkoj.
Eventuale oni aldonu: *e) instigo al individua korespondado*.
Par.5
**Svislando:**
Regularo devus enteni nur la principojn, kiuj gardos ilian validecon, eĉ en kazo de ŝanĝo aŭ translokiĝo de la ĉefestraro al alia landa. Por ĉiuj dua-rangaj demandoj ni proponas administracian regularon.

Pro tio oni rezignu la indikon de kotizo. Anstataŭe: *la minimuma kotizo aŭ subteno ktp*, *la kotizoj por izolaj membroj kaj landaj organizoj estas ĉiujare fiksataj de la kongreso*.
RIM.ESTRARO:
Koncerne la unuan kaj duan frazojn oni legu la enkondukajn vortojn.
Par.7.
**Svislando:**
La unua frazo estu pli konciza kaj tekstu jene: *La Federacia estraro ktp... kies agado ne konformiĝas al la regularo de la Federacio, aŭ kiuj agas kontraŭ la interesoj de la Esperanto-movado ĝenerale.
Par.9.
**DANLANDO.**
Kial antaŭ la 1/1; ĉu vere necesa tiom frue, kvar monatojn antaŭ la kongreso ? Ni ne scias la kaŭzon, kaj proponas novan daton.
RIM.ESTRARO:
Tiu dato necesas, por ke oni havu okazon ensendi amendojn.
Par.10.
**Nederlando:**
Cu la aliaj estraranoj ne rajtas decidi?
RIM. ESTRARO:
Car ne eblas pri ĉiuj aferoj kunvoki la plenan estraron, la *ĉiutaga estraro* rajtas decidi memstare.
**Svislando:**
La esprimo: *ĉiutaga estraro* ŝajnas al ni ne sufiĉe klara.
Cetere la interna organizo kaj disdono de la laboroj en la ĉefestraro ne estas fundamenta punkto por la Federacio. Ĝi povas esti entenata en la interna administracia regularo.
Ni do proponas forstreki tiun ĉi Par.
RIM. ESTRARO:
Eble *estrarkerno* anstataŭ *ĉiutaga estraro* estas pli klara.
Rilate la ceteron oni vidu: Rim. Estraro sub par. 5.
Par.12
**Ĉefestraro:**
Ni aldonu: *Ili sendas ĉi tiun kotizon antaŭ la fino de ĉiu kalendara jaro al la Ĝenerala Kasisto.
**Svislando:**
Car la kotizo estas tre, tre malalta, ni trovas ke eksiĝebleco je la fino de ĉiu kvaronjaro estas ne tolerinda; oni eksiĝu nur fine de la jaro. La frazo koncerne la eksiĝoj tekstu jene: *Eksiĝoj devas esti anoncataj antaŭ la komenco de nova administra jaro.
Konforme al nia rimarkigo sub par.5, oni forstreku la lastan frazon, kiu temas pri kotizo.
RIM. ESTRARO:
Estus ple bone, se eksiĝoj validus nur je la fino de administracia jaro.
**Danlando:**
Ni proponas jenan ŝanĝon malantaŭ la lasta komo: *sumo laŭ decido de la kongreso*. Estas malsaĝe skribi en regularo fiksitan kotizon. Eble venontjare ĝi ne plu estas ĝusta.

Par.13
**Danlando:**
Proponas saman ŝanĝon, kian en Par. 12.
Par.14
**Svislando:**
La vorto: *voĉdono* estas kvarfoje malĝuste uzata, ĝi devas esti anstataŭata de la vorto *voĉo*.
Alia modifo: *Validas nur la membronombro laŭ la pagitaj kotizoj de la lasta administracia jaro*.
La tria frazo sur paĝo 3 estu kompletigata: *En la kongresoj estas pritraktataj la jarraportoj, la proponoj kaj la fiksado de la kotizoj, ktp.
Ĉar oni devos voĉdoni pri ĉiuj pritraktitaj punktoj, la rimarkigo: *se necese* estu forstrekata. Do: *Pri ĉiuj pritraktitaj punktoj oni voĉdonas*. (Eventuale tute forstreki la frazon).
Oni klare indiku ke *proponoj estu sendataj *al la ĉefestraro* antaŭ la 1/1 kaj publikigataj en la Bulteno almenaŭ du monatojn antaŭ la kongreso.
RIM. ESTRARO:
1 la vorto *voĉdono* verŝajne estas naciismo. 2 Ekzistas du voĉdonebloj nome*. la unuopula kaj la komuna.
En tiu ĉi Par. ni aludas la unuopulan.
**Danlando:**
Ni opinias la daton, antaŭ kiu oni devas ensendi la proponojn, tro frua.
La vorto: *voĉdono* estas erara. Ĝi devas esti *voĉo*.
RIM. ESTRARO:
Rilate la daton vi vidu nian rimarkon sub Par. 9.
Par. 16.
**Nederlando:**
Tiu ĉi Par. tekstu jene:
a Funkcias Konstanta Terminara Komitato, kies nelimigita nombro da membroj sin okupas pri la tradukado de fakesprimoj fervojaj.
b Ekzistas Konfliktkomitato, ĉiujare elektita en la kongreso, kaj konsistanta el tri membroj, el kiuj almenaŭ unu loĝu en la lando de la Sidejo, ktp.
c Kaskontrola Komitato.
Par. 21.
**Svislando:**
Tiu ĉi Par. tekstu jene:
*La administracia jaro koincidas kun la kalendara jaro. La organiza jaro komenciĝas en majo*.
**Nederlando:**
Eble pli bone ambaŭ la unuan de januaro.
RIM. ESTRARO:
Por tuj validigi kongresdecidojn estas preferinde, ke la organiza jaro komenciĝas en la kongresa monato.
Par.22.
**Nederlando:**
Tiu ĉi Par. tekstu: *Ĉi tiu reordigita regularo estas aprobita de la kongreso en Utrecht en majo 1953 kun tuja valideco*.

*

*   *